Mutig vorwärts! ‘

# Aŭstria Esperantisto

‚Kuraĝe antaŭen‘

## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Asocio

9a jaro. N-o 7 | Monata | Julio 1932

Redaktejo: Wien, I., Neue Burg (Tel. R 27-803).

Administrejo: Bisamberg, Bundesstraße 154.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ Ŝ 4.88, germanlandanoj RM 3.25 alilandanoj sv. fr. 4.25; ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

### Aus aller Welt.

Das österreichische Bundeskanzleramt (Aeußere Angelegenheiten) hat die Oesterreichische Botschaft in Paris beauftragt, die Regierung bei dem 24. Esperanto-Weltkongreß in Paris offiziell zu vertreten.

Regierung des
Fürstentums Liechtenstein
Nr. 116/3 Vaduz, am 23. Juni 1932.

An das Zentralkomitee der Esperanto-Bewegung, Genf.

Sehr geehrte Herren,

Wir erhielten Ihr sehr geschätztes Schreiben vom 14. Juni 1932 und eine Beleg-Sammlung Ihrer propagandistischen Tätigkeit für unser Land. Wir danken Ihnen neuerdings für Ihre selbstlose, große Arbeit für Liechtenstein und bitten überzeugt zu sein, daß wir Ihre Arbeit sehr hoch schätzen. Die Tatsache, daß Sie uns bis heute 472 Veröffentlichungen in 45 Sprachen aus 43 Ländern in 5 Erdteilen vorgelegt haben, beweist die Großartigkeit der von Ihnen durchgeführten Werbung. Eine so wirkungsvolle Werbung mit den zur Verfügung stehenden Mitteln und Beziehungen ist nach Erfahrung der fürstl. Regierung tatsächlich nur mit Hilfe der Esperanto-Sprache möglich.

Es ist unser besonderes Vergnügen zu wissen, daß wir auch künftig auf Ihre Mitarbeit zählen dürfen.

Fürstliche Regierung:
Dr. Hoop.

**„Internationale Sprachnormung in der Technik“** von Dr. Ing. Eugen Wüster. Bei Veröffentlichung der Beurteilung durch Meillet, Professor an der Sorbonne, Paris, ist versehentlich eine Stelle weggeblieben, in der Meillet behauptet, „daß Esperanto zu sehr von den slawischen Sprachen und vom Deutschen beeinflußt sei“, was letzteres von deutschen Beurteilern sehr oft bestritten wird. Daraus folgt, daß Esperanto gerade den richtigen Mittelweg eingeschlagen hat.

**Radio Valencia** vom 21. April an jeden Donnerstag abends 9.05 Esperanto-Propagandavortrag. Wir danken dem Direktor der Union Radio Valencia für seine Förderung des Esperanto.

**„Mitteilungen der Deutschösterreichischen Schriftstellergenossenschaft“**, Wien I. Hofburg, Marschallstige, berichteten in Nummer 4 (Mai) über die Fremdenwerbung für Oesterreich vermittels Esperanto (Reg.-Rat Steiner).

Die französische Zeitung „Monde“, geleitet von Henri Barbusse, wird allmonatlich eine Kolonne über die Esperanto-Bewegung veröffentlichen.

Die **Intern. Transportarbeiter-Föderation** in Amsterdam organisiert im August einen Kongreß in Prag, bei dem Delegierte zusammenkommen, die Esperanto beherrschen, das die Föderation als Bindemittel in seinen internationalen Beziehungen annahm.

**„Wissen Sie schon . . .“** ist ein ausgezeichnetes in deutscher Sprache verfaßtes Flugblatt, das der Rheinisch-Westfälische Esperanto-Verband, Köln, Krefelder Wall 39 soeben herausgebracht hat. 100 Stück 1 Rm.

**Sender Lisboa** (Lissabon) sendet jeden Freitag einen E-Vortrag. Es ist das erstemal, daß ein portugiesischer Sender E. verbreitet.

### Zehn Jahre „Esperanto-Institut für das Deutsche Reich“.

Im Februar d. J. waren es zehn Jahre seit der Umwandlung des früheren Sächsischen Esperanto-Institutes in ein „Esperanto-Institut für das Deutsche Reich“.

Durch den Fortfall der Reichsbeihilfen und der Staatsbeihilfen (infolge der allgemeinen Einschränkung der Ausgaben) ist das Institut, das in den 24 Jahren seines Bestandes für Esperanto unermeßliche Dienste geleistet hat, in Schwierigkeiten geraten. Opferfreudige Esperantisten unterstützen seit Jahren dieses vorbildliche Institut mit Geldmitteln. Sie genügen nicht, daher wendet sich der Vorsitzende des Deutschen Esperanto-Bundes mit folgendem Aufrufe an Euch:

Esperantisten deutscher Zunge, erhaltet das Institut, das Glaube an die Zukunft des E geschaffen, das deutsche Tatkraft ausgebaut, das deutsche Arbeit zu dem gemacht hat, was es heute ist! Durchhalten — jetzt gilt's!

Ich würde mich nicht immer wieder an alle Gesinnungsfreunde um finanzielle Unterstützung für das Institut wenden, wenn es nicht für eine Einrichtung geschehe, von deren Notwendigkeit und Güte ich überzeugt bin. Das Institut in Leipzig muß leben, wenn wir die Entwicklung unserer E-Bewegung beschleunigen wollen!

Esperantisten deutscher Zunge, erhaltet das Institut! Behrendt

---

Alvenis jena en E skribita letero, kiu montras, ke Intern. Laboroficejo korespondas ankaŭ en E.

Société des Nations / Bureau International du Travail
League of Nations / International Labour-Office
Genève
S. 01/3027 9. julio 1932.

Estimata sinjoro prezidanto,

Responde al via afabla letero de la 25. de junio, mi dankas vin por la artikoloj, kiujn vi publikigis okaze de la morto de nia iama Direktoro s-ro Albert Thomas.

Pri via peto sendi al la Internacia Esperanto-Muzeo kolekton de niaj preskomunikoj en Esperanto, mi decidis favore respondi al ĝi, malgraŭ ke ni posedas unu solan kompletan kolekton. Vi do ricevos ĝin per aparta poŝto.

Kun miaj plej bonaj salutoj

Pour le Directeur,
Le Chef de la Division Diplomatique.

---

**N-ro 8/9 aperos en septembro.**

La **Ĝeneraldirekcio de la Aŭstriaj Federaciaj Fervojoj** eldonis en majo 1932 reskripton, per kiu ĝi deklaras, ke ĝi nepre volas konduktorojn por la rapidtrajnoj, kiuj scipovas lingvojn. Oni tial sugestas al la konduktoroj por la persontrajnoj la lernadon de fremda lingvo kaj tiuj, kiuj jam faris kun sukceso ekzamenon pri lingvo, okaze de novenvicigo speciale estos preferataj.

Por plifaciligo de ellernado de fremdlingvo — kiel fremdlingvoj estas konsiderataj krom la angla kaj franca unuavice la lingvoj de la al Aŭstrio najbaraj ŝtatoj kaj Esperanto — kursoj estas intencataj en la grandaj ĉefstacioj por ĉi tiu vintro.

### E ĉe la Jugoslavia Poŝto.

Laŭ iniciato de s-ano Nicola Lisac en Sarajevo la direktoroj Milorad J. Nikolić en Sarajevo kaj D. Busolić en Split rekomendis per apartaj reskriptoj la lernadon de E al siaj subuloj. Ni gratulas al ambaŭ direktoroj pro ilia kompreno pri la graveco de Esperanto.

### Esperanto — kongresa lingvo.

La 20.—26. sept. okazos en Brno V. Intern. seksologia kongreso. Inter la kongreslingvoj estas Esperanto.

### Esperanto en la lernejo.

La Nederlandaj E-Asocioj sendis la 9. de majo petskribon al la ministro por Instruaferoj, Artoj kaj Sciencoj en Haag pro akceptoj de Esperanto kiel fakultativa instrufako kaj ŝanĝo de la art. 2 por la Unugrada instruado.

La aldonitaj klarigoj en formo de broŝuro estas senditaj al ĉiuj membroj de la Parlamento.

Pluraj instruistaj asocioj subtenis la rezolucion.

En ĝenerala kunveno de „Nederlandsche Ouderraad„ (Gepatra Konsilantaro) oni decidis peti la registaron, ke Esp. estu unu el la fremdaj lingvoj, instruotaj post la sesa lernojaro.

---

# Je vizito en Liechtenstein.

La 28. de aprilo mi alvenis en Buchs kaj piediris, por ĝui la belan pejzaĝon, al Vaduz, la ĉefurbo de la princlando Liechtenstein.

La ĉefo de la registaro, s-ro d-ro Hoop estis for je libertempo kaj anstataŭante lin s-ro registara konsilisto Büchler, min afable akceptis.

La celo de mia vojaĝo al la princlando estis, konatiĝi kun tiu lando, kies registaro tiel lerte estis ekkoninta la valoron de Esperanto, ke ĝi donis per eldono de la belegaj poŝtkartoj kun vidindaĵoj, artece desegnitaj, kun Esperanto-teksto al ĉiuj landoj bonan ekzemplon, kiamaniere eluzi la servojn de Esperanto por fremdulpropagando. Dum mia granda vojaĝo tra Polujo, la Baltaj kaj Skandinavaj Ŝtatoj mi ĉiam antaŭ la aŭtoritatuloj menciis la belajn kartojn kaj instigis al imito.



Kastelo Vaduz

S-ro registara sekretario s-ro Nigg, tre afabla homo, faris al mi la plezuron akompani min nome de la registaro kaj montri al mi la belajn lokojn kaj pejzaĝojn. Elkoran dankon, ĉar nur tiamaniere mi povis vidi kaj raporti pri ili.

Jam antaŭ 2000 jaroj a. Kr. la Keltoj loĝis ĉi tie. Sed la princlando havis tre varian historion kaj la posedantoj variis, ĝis en 1699 princo Hans Adam Liechtenstein estis aĉetinta regnan teritorion Schellenberg kaj 13 jarojn poste la graflandon Vaduz, kiuj ambaŭ formas la princlandon. En 1806 sub la regado de princo Johann I. Liechtenstein fariĝis »suverena ŝtato« kaj membro de Rhein-Unio, 1813 post la popolbatalo ĉe Leipzig L. aliĝis al Germana Unio. La armeo nombris 100 personojn kaj likvidiĝis en 1868. De 1858—1929 regadis princo Johann II., kiu kreis eternajn valorojn por sia popolo kaj lando. De 1929 regadas Franz I., edziĝinta kun Else von Erős, naskita baronino Guttmann.

La ĉeflokoko Vaduz, 460 m super la maro, kun 1400 loĝantoj estas sidejo de ĉiuj estraroj kaj elirpunkto al ĉiuj partoj de la valo kaj la alpolando. Vaduz estas ĉarma urbeto kun renesancstila registara konstruaĵo kaj gotikstila preĝejo, konstruita de arkiekto Fr. v. Schmidt el Wien, aro da modernaj konsruaĵoj kaj nova ĵus malfermita, moderna hotelo en bela situo. Super la urbeto Kastelo Vaduz, la simbolo de Liechtenstein, originas el la 14. jc. De 1815—1868 ĝi servis kiel kaserno por la soltataro de L. (1 oficiro, 10 suboficiroj kaj 68 soldatoj). En 1904 oni rekonstruis la kastelon en sia antaŭa beleco. La kasteladmi istranto princa konsilisto Josef Ospelt afable montris kaj klarigis al mi la ĉarman kastelon kun siaj raviga korto,

turo kun 7 m dikaj muroj, belega ŝtuparejo, salonego de kavaliroj, kie la kastelestro nin traktis per bona guto da Liechtenstein-a vino, bele originale ekipita ĉambraro, bela kolekto da armiloj diversspecaj, aro da belaj bildoj kaj valora biblioteko kun unikaĵoj. Raviga la ĉirkaŭrigardo el la kastelo. Proksime bela, granda vilao, kie la princo loĝas, vizitante la landon.

Migrado tra la lando: Kontraŭflue la riveron Rhein sur kun reboj kulturata monteto la renoviĝita Kastelo Gutenberg. La unika situo de la burgo sur tute izolita rokmonteto en rondvalo de la altmontaro permesas neimageblan rigardon ekz. el la romanaj fenestroj de la granda loĝoĉambro. Je piedoj de la monteto la ĉarma vilaĝo Balzers, oni vidas Rhein en floranta valopejzaĝo, trans la pli proksime situantaj antaŭmontoj la potencajn ĉenojn de la altmontaroj kaj fine la eternajn neĝon kaj glacion de Graue Hörner aŭ la minacantan rokoamason de Calanda — panoramon, kian oni kutime nur povas ĝui de montosupro ne de nur 70 m alta monteto. Tie ĉi estas reprezentataj ĉiuj epokoj de l' konstrustilo de fortifikaĵoj, de romana, gotika, renesanca ĝis baroka. La kastelon rekonstruis dum aro da jaroj la nuna posedanto, akademia skulptisto Egon Rheinberger, kiu rekonstruis ankaŭ kastelojn Vaduz kaj Kreutzenstein ĉe Korneuburg. Mi havis la plezuron konatiĝi kun la artisto kaj lia edzino, kaj rapide forflugis la tempo ĉe bona kafo, kiun mi trinkis tie. Nuntempe la posedantoj mastrumas en la kastelo restoracion tre ŝatatan kaj tial multe vizitatan.

Je la piedo de la kastelmonto la plej granda komunumo de la lando, la vilaĝo Balzers-Mäls kun bela preĝejo el marmoro, rompata en la proksimeco.

Triesen, 1350 enloĝ., kun kotonteksejo (300 laboristoj).

Alte super Triesen sur altaĵo de 1000 m sur la okcidenta deklivo de Kulm situas la granda, malproksimen dislokita montvilaĝo Triesenberg, 1400 loĝ., el la 13. jc., aro da restejoj en kaj proksime de la vilaĝo multe vizitataj.

Schaan, 1400 loĝ., 4 km de Vaduz, fervojstacio por rapidtrajnoj, estas kruciĝpunkto de granda transito, la nova granda ponto trans Rhein interligas la landon kun Aŭstrio kaj Svisujo. Belega gotika preĝejo. Schaan jam estas menciita en 831. Kvaronhoron de Schaan preĝejeto Dux, kie oni trovis antaŭ 40 jaroj du romanajn helmojn.

Horon de Schaan sur arbaraltaĵo Planken, la plej malgranda komunumo kun 100 loĝ.

La nomitaj 6 komunumoj formas »Oberland«, iam grafolando Vaduz, la alia nomata »Unterland« enhavas 5 komunumojn, la iaman regnoteritorion Schellenberg.



Kapeleto en Steeg

Eschner Berg (monto), 10 km longa, 700 m alta, inter Rhein kaj Ill, je ĝia suda deklivo Eschen — 1100 loĝ., — (el la kelta lingvo »Escan« signifas »ĉe la akvo«) kaj la vilaĝeto Nendeln, fervojstacio de la linio Feldkirch — Buchs kun fabriko de argilaĵoj.

Duonhoron de Eschen estas Mauren, la »vilaĝo de la sep montetoj«, 1200 loĝ., romana preĝejo, restoj de juda templo en vere fruktoriĉa situo. Al ĝi apartenas Schaanwald, fervojstacio.

De Mauren bela strato — en la tuta lando troviĝas tiaj — al vilaĝo Schellenberg, 730 m alta, kun 500 loĝ., posedas monaĥinejon kaj la restaĵojn de 2 burgoj, malkonstruitaj en 1405.

Proksime de Rhein situas Bendern, nur kelkaj dometoj, kun malproksimen videbla gotika preĝejo kaj la pastra domo. La nomo kelta el »bendur«, signifas »turo sur la altaĵo«.

Gamprin, 430 m alta, 500 loĝ., posedas ponton trans Rhein.

Ruggel, 600 loĝ., iam la gren-



Skio-malsuprenvojo de Naafkopf

ejo de la lando, kun bela 1899 konstruita, gotikstila preĝejo, nova ponto trans Rhein kaj vastaj torfejoj. Oni faris multajn trovitaĵojn el romaj tempoj.

Alparo kaj montaro de Liechtenstein. La okcidentan alparon dividas de Oriento la rivero Rhein kaj tie situas Liechtenstein. La bela landeto vere situas en la koro de Alpoj kiel ankaŭ meze de Eŭropo.

La elirpunkto por la montmigrado estas Triesenberg, kien poŝtaŭtoĉaro estas uzebla, de tie sur larĝa alpostrato al Kulm (1430 m), transpasejo, kiun la romanoj jam uzis antaŭ 2000 jaroj, kiam la legionoj de Drusus kaj Tiberius invadis en 15 a. Kr. la keltan Retikon. Elirante tunelon oni ĝuas ĉarman bildon: je la piedoj ĉarma altvalo ĉirkaŭata de girlando de montoj. Malsupre muĝas Samina-rivereto, trans kiu kondukas »Steg« (ponteto), kiu donis al ĉi tiu alpovaleto sian nomon. En Steg nova alpogastejo. Steg estas la ŝlosilo de la Alpoj de L. De tie oni venas en Valorsch-valon.

Malbun estas la plej bela alpo de la lando kun multege vizitata hotelo kaj turisthaltejo, 1650 m alta. Citinda estas ankoraŭ monto Rappenstein (2000 m). De Valüna-valo oni venas al novkonstruita Pfälzer-kabano sur Bettler-transpasejo (2110 m), elirpunkto por supreniro de Naafkopf, la plej alta monto de la lando (2570 m). En Dreischwesterngruppe la 2120 m alta Kuhgratspitze. Certe ankaŭ por altmontarturistoj la lando estas bona allogilo.

Mi devas fini! Sed vojaĝu al Liechtenstein, bona akcepto vin atendos! Reg. kons. Steiner

---

**Esperanto kaj stenografio.**

La intereso pri Esperanto - stenografio kreskas iom post iom. La Germana Stenograf-Unio „Stolze-Schrey" en Berlino informas nin pri apero de 2 interesaj artikoloj pri Esperanto-stenografio ĝenerale kaj la adepto de la sistemo Stolze-Schrey en la plej disvastigita stenografi-organo germana „Der Schriftwart". Ambaŭ artikoloj estas verkitaj de Roberto Kreuz, LK, direktoro de la ICK en Ĝenevo kaj konata stenografo laŭ la nomita sistemo. La adapto de la sistemo, alfarita al 20 lingvoj, estas sukcese uzata de multaj por stenografi Esperanton.

**E-stenografio sistemo Stolze-Schrey.**

De 27.—29. V. okazis en Kreuzlingen la jarkunveno de la Ĝenerala Svisa Stenograf-Asocio. En la stenografa konkurso estis premiataj laboroj en germana kaj fremdaj lingvoj. En E s-ro Kreuz, direktoro de ICK, Genève, ricevis 2-an premion por laboro en rapideco de 240 silaboj kaj kune kun aliaj premioj por germana kaj franca lingvoj okupis la 4-an rangon inter 235 partoprenintoj.

S-ro Kreuz antaŭ nelonge starigis novan alfaron de la sistemo Stolze-Schrey kaj pretigis kurson de metagrafio (debata stenografio) por la sama sistemo.

## Int. Esperanto Muzeo en Wien

Wien, I. Neue Burg, Heldenplatz.

Telefono n-ro R 27-803

**Malfermata** labortage 9—12, 15—18 h; sabate 9—12 h, 7. aŭg. kaj 4. sept. 9—12 h.

**Novaj membroj:**

**Internacia Honora Komitato:**

**Francujo:**

**M. Rollet de l'Isle**, marina ĝeneral-inĝeniero, LK, Direktoro de la Sekcio de Teknikaj Vortaroj de Akademio, Paris.

**Internacia Kuratora Komitato:**

**Germanujo:**

**D-ro Heinrich Gustav Arnhold**, bankisto, Honorsenatano de Teknika Altlernejo en Dresden, Bavara konsulo, LK, Dresden.

**D-ro Liebeck**, notaro, Berlin.

**Jugoslavio:**

**Mavro Ŝpicer**, ekssubkolonelo, Zagreb

Alilandaj s-anoj nun denove venas al Wien, vizitas la Muzeon kaj kun plezuro aliĝas, kiel en lasta tempo s-anoj Hilario Zayas Botell el Kubo kaj Carpenter el Kalifornio. La aŭstriaj s-anoj ne postrestu!

**Dumvivaj membroj de IEMW** (S 15.— en 3 partpagoj, postulu ĉekojn!: **Por alilandanoj sv. fr. 12·50)**

436. D-ro Stanislaus Rosenstock, Zagreb; 437. D-ro Leono Zamenhof, Warszawa; 438. Hilario Zayas Botell, Marianao (Habana), Cuba, Ameriko; 439. kort. kons. Leopold Scheuch, landa lernejinspekt., Wien; 440. Alois Hilkersberger, lokomotivkondukisto, Landeck, Tirol; 441. J. Wiesböck, instruisto, Schattendorf, Burgenland; 442. Inĝ. Josef Berger, eldon. de BES-Adresaro, Potŝtejn, ĈSR; 443. S. J. Ysselstein, Schiedam, Nederl.; 444. W. W. Carpenter, Escondido, California, USA.

**Grupoj ktp. kiel membroj por 10 jaroj** (la sama kotizo):

25. E-Grupo „Verda Stelo", Wien; 26. E-Grupo Germanaj E-istoj, M. Ostrau, ĈSR; 27. Aŭstria E-Asocio, Linz; 28. E-grupo, Linz.

**Materialo ricevita:**

109. BES-Adresaro, Potstejn, ĈSR; 110. Julia Neubergowa, Krakow; 111. Int. Scienca Asoc., Becon, Franc.; 112. Adele Stuckart, Wien; 113. Ostwald-Bund, Roszlau, Germ.; 114. Okamoto-Rikiĉi, Ŝiznoka-ken, Jap.; 115. C. A. Holst, Aarhus, Dan.; 116. N. Szapiro, Warszawa; 117. W. Mudrak, Wien; 118. k. 136. Hitelo Oberlaender v. Sternberg, Czortkow, Pol., 119. Dinko Baselli, Metkovici, SHS; 120. Brita E-As., London; 121. Bas. Ivan Koubassov, Levallois-Peret, Franc.; 122. Norvega E-Ligo, Oslo; 123. „Nova Vojo", Lisboa, Portug.; 124. Cheshiihhin Vseevolhod. Niiznij-Noovgorod, USSR; 125. N. N., Paris; 126 Rheinisch-Westfäl. E-Verband, Köln; 127. „Evangelia Laboro", Barcelona; 128. s-ino Sofio Ŝmurlo, Avoti, Eston.; 129. „RO Language Soc.", Wawerly, USA; 130. MOKA, Köln; 131. Ach. de Mærtelære, Gent; 132. M. Le Boucher, Limoges, Franc.; 133. Dansk E-Blad, Aarhus, Dan; 134. Salah Eddine Kemal, Horboden, Svis.; 135. prof. Pierre Bovet, Genève.

---

## La XXIV. en Paris.

30. julio—6. aŭg. 1932.

**Adreso:** Maison de la Mutualité, 24 Rue Suint-Victor, Paris-V.

**Kotizo:** Pro la nuna ekonomia krizo kaj ankaŭ, ĉar en multaj landoj oni ne ankoraŭ ricevis la registaran permeson eksporti monon, LKK prokrastis la plialtigon de malfruaj kotizoj ĝis la 25. julio. Do ĝis tiu dato la ordinara kotizo estas 125 fr. fr. kaj la junula 30 fr. Post la 25. julio ili altiĝos ĝis 200 kaj 60 fr.

**Honora Prezidanto:** La nova Prezidanto de la Franca Respubliko, **s-ro Lebrun**, akceptis la Honoran Pretektadon.

**Honora Komitato:** Eniris **ĉefministro E. Herriot**, kelkaj ministroj, deputitoj, senatanoj, scienculoj ktp.

**Aŭstrion** reprezentos laŭ ordono de la Aŭstria Registaro la Aŭstria ambasadoro en Paris, s-ro Grünberger.

**Partoprenontoj** sin turnu al s-ro Hovorka, Wien IX. Löblichgasse 3, kiu aranĝos karavanon.

**Loĝejoj:** Kun la mendiloj por la fervoja rabatilo LKK sendos ankaŭ mendilon por hoteloj kej aliaj loĝejoj. Notu, ke ĉiu senescepte devas kompletigi kaj resendi sian mendilon, eĉ se oni jam skribis pri la temo al LKK.

**Eksporto de mono:** Oni en Aŭstrio sin turnu al Devisenzentrale por havigi al si la necesajn valutojn kaj permeson.

**Teatraĵo:** La libra eldono en E jam aperis; prezo kun afranko 8 fr. Mendu ĝin kunsendante la sumon.

**Fervoja rabato:** En Francujo kongresanoj ĝuos rabaton da 42 1/2 %. Ili indiku al LKK la enir- kaj elir-limstaciojn kaj LKK sendos al ili la rabatilon.

**Aliĝis** ĝis nun 700 personoj.

## Antaŭkongreso en Lyon.

28.—30. julio.

**Komitato:** Honora Prez. s-ino Farges, prez. s-ro E. Borel.

**Programo: 28. VII.** amika kunveno je 20 h en la ĝardenoj de la kafejo „Chalet du Parc" en Urba Parko „Tête d'Or. 29. VII. 8—10 h kongresa kunveno, raportoj kaj dis-

katoj; 10 h ekiro de Komerca Palaco por vizito de monteto Fourvière; reveno tra malnova kvartalo St. Jean, kie okazis la katastrofo en 1930; 14—16 h ĝenerala vizito de la urbo; halto ĉe Foira Palaco, tie oficiala akcepto kun trinkaĵoj.

Kotizo: 20 fr. fr.

**Kongresa sidejo:** Palais du Commerce, Place de la Bourse.

**Pagojn al la kasisto:** S-ro Mage, 46 rue de l'Hôtel de Ville, Lyon.

Uzu la okazon, parto renontoj de XXIV-a, viziti Lyon kaj niajn tieajn fervorajn s-anojn.

---

## Unua Intern. Pacocela Kongreso peresperanta.

**Paris, 30 VII.—7. VIII. 1932.**

Same kiel en 1914 estas organizata serioza packongreseto unulingva peresperanta dum XXIV-a. En 12 diskutliberaj kunvenoj estu diskutotaj jenaj temoj:

Serio **A.** Rimedoj proponi'aj por certigi la pacon: Morala edukado. Esperanto. Plifortigi propran militistaron. Haltigo, malpligrandigo, forigo de l' armadoj, unuregne aŭ ĉiuregne. Sendoganeco. Ŝanĝi la landlimojn. Militistaro internacia. Ribelo kontraŭ milito. Socialismo. Anarkismo.

Serio B. Militkaŭzoj: Lingvodiverseco. Naciaj pasioj. Militistaroj. Troloĝateco. Aliaj ekonomiaj kaŭzoj. Registaroj. Militebleco.

Serio C. Kiel efikigi la multulan pacdeziron.

Serio D. Diversaj projektoj de konstitucio internacia.

Pri kelkaj temoj jam estas ĉefparolantoj; anoncu vin ankaŭ!

Pri la diskutotaj demandoj sendu maŝinskribaĵojn, konservotajn en publika legejo. Sendu proponojn tuj, verkaĵojn poste, al F. Brossier, 25 rue Docteur-Heulin, Paris XVII.

Loka Komitato: Brossier, Chilard, Gouttenoire de Toury, Mangin, Marseille, Saget, Van Etten.

---

**Radio-Klubo Esperantista Franca** nombris 204 membrojn fine de 1930, 512 (1931) kaj nun 574; organizas la laborojn de Radio-komisiono de la XXIV. kaj nun klopodas ĉe la Radio-stacioj por plenumi la dezirojn, prezentitajn de s-ro Favrel kaj akceptitajn de la Radio-Kluboj, ĉefe la metodon por identigi la staciojn per la nacieco kaj la ondolongecon en E. — La klubo eldonas revuon „Radio-Esperanto". Informojn kontraŭ resp. kup. de s-ro inĝ. Favrel, ĝen. sekr., 27 rue Pierre Guérin, Paris 16.

**Stenografia partopreno en XXIV-a.**

1. **Ĝenerala kunveno** de Int. Asocio de la E-stenografistoj (IEAS). 2. **Ekspozicio** de E-ajoj kaj stenografiaĵoj ĉiulandaj kaj ĉiusistemaj. Materialo estu sendota al konata s-ano **P. Flageul**, 9 Bld. Voltaire, Issy-les Moulineaux, Seine, Franc. La ekspozicio okazos en la ejo de l'Institut sténographique de France, 24 Rue Monge, Paris. **3. Konkurso** de ĉiusistema E-stenografio, komencante de rapideco da 80 silaboj pominute. Aliĝu jam nun al s-ano Flageul. **4. Fakkunveno.**

Regularo de l'ekspozicio, statutoj de IAES ĉe s-ano **L. Cogen**, prez., 52 Drève, Ninove, Belgujo.

Loko, tago kaj horo de la aranĝoj en la kongreslibro. Komitato de IAES.

---

## Projekto pri Reorganizo de la Neŭtrala E-Movado Internacia.

„Societo Franca por la Propagando de E" dissendis pri ĉi tiu temo projekton, elverkitan de s-ro René Dubois, kiun oni diskutos dum XXIV-a.

Pri la sama temo „**Heroldo**" en sia numero 27/1932 sub la titolo „**Unu organizon kaj unu kotizon**" faras proponon.

Detalojn ni raportos en la venonta numero.

---

**Pilgrimo de la Katolikaj Esperantistoj en Lourdes kaj XVI-a IKUE-Kongreso en Betharram.**

7. aŭg. Alveno en Lourdes; prezento de la Pilgrimo-Kongreso ĉe la Groto al la Sankta Dipatrino per E-prediko.

8. aŭg. Ekskurso al Betharram; laborkunsidoj; ĝeneralkunsido de IKUE; vizito al la fama Kalvaria vojo kaj al ia grotoj.

9. aŭg. Komuniiĝa meso ĉe la sankta Groto, E-prediko kaj kantoj; vizito al tombo de pioniro Pastro Peltier, fondinto de Espero Katolika; partopreno en la Procesio de Sanktega Sakramento kun E-alvokoj; Floraj Ludoj; Procesio de la kandeloj kun E-kantoj.

10. aŭg. Solena Meso kun E-prediko; Kalvaria vojo en Monto „des Espelugues" kun prediko je la XII-a stacio; E-prelegoj pri la Lourdes-aj faktoj kaj mirakloj; Fermparolado.

11. aŭg. Laŭvola ekskurso al Gavarnie.

**Komuna irado:** La partoprenontoj, kiuj estas en Paris, kunvenu ĉe stacidomo Orsay (Quai d'Orsay) la 6. aŭg. je 19 h. Forveturo je 19 h 56. Dimanĉon matene halto en Toulouse, por ĉeesti meson, viziti la urbon kaj tagmanĝi.

**Kongreskotizo** fr. fr. 25.—.

**Informojn** kaj mendoj por loĝejo ktp. ĉe f-ino Larroche, vicprez., 55 rue de Vaugirard, Paris VI.

**17. Nacia Kongreso de la Italaj Esperantistoj**, Torino (26.—29. julio) kun „Konkurso de Itala Instituto de E", „Esperanto-Kabaredo". Prezentado en E de la kom dio de Goldoni „Kurioza Okazaĵo", vizito de la urbo, ekskursoj. **Informojn:** E-Centro Itala, Gall. V. Emanuele 92, Milano. **Kotizo:** 30 Lire (inkl. bileton al teatraĵo). De Torino la 29. junio ekveturo de Itala Karavano al Paris.

## La unua Eŭropa trusto por protekto de kredito en la servo de la E-movado.

Antaŭ kelkaj semajnoj estis fondata en Zürich la unua Eŭropa trusto por kreditprotekto sub la titolo „AIC, Auskunfts- und Inkasso-Clearing Aktien-Gesellschaft", ĉefsidejo Zürich, Stampfenbachstr. 73. 100 inform-oficejoj, institucioj por enkasigo kaj kuratoraj asocioj en diversaj urboj de Eŭropo funkcios kiel filioj. La celo estas koncentrita praktika kunlaboro de la supre cititaj institucioj, por certigi al la suferania kredit-mastrumado protekton kaj helpon.

La fondo estis decidata dum „Unua Mondkongreso de la Inform-Oficejoj, Institucioj por Kreditprotekto kaj Organizacioj por Enkasigo" en decembro 1930 en Wien, kiun aktive partoprenis direktoro Robert Kreuz de ICK. Tiam oni decidis ankaŭ enkonduki E-on kiel helpan lingvon en la skribaj interrilatoj de la firmoj, servantaj al la kreditprotekto.

La presaĵoj, leterpaperoj ktp. de AIC estos presataj krom en la ĉefaj lingvoj ankaŭ en E. AIC korespondas ankaŭ en E kaj estos en konstanta kontakto kun ICK.

La ĉefa gvidado de AIC estas en la manoj de ĝeneraldirektoro Josef Eugen Kun, Wien, iniciinto de „Unua Mondkongreso .." kaj simpatianto al E.

La dua mondkongreso okazos en Zürich.

Bernh. Selzer.

### Esperanto-arbo kaj memorŝtono en Olomouc.

Pentekoste dum la V-a Ĉeĥoslovaka E-Kongreso en Olomouc okazis en Smetana-parko ekplanto de Esperanto-arbo kaj malkovro de memorbloko kaj poste de tabulo de „Strato de D-ro Zamenhof".

Parolis la prez. de LKK s-ano Kudela; urbkonsilanto d-ro Vaclavek prenis la memoraĵojn en la gardo de la komunumo kaj prez. de Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista dankis al la urba konsilantaro.

## Alfred Christensen mortis.

La Dana esperantistaro perdis en Christensen sian fervoran, treege laboreman prezidanton, kiu depost 1927 estris la Danan movadon. Li subite mortis la 13. junio en sia hejmo en Odense. Ni kondolencas al Centra Dana E-Ligo kaj la familio. Steiner

### S-ino Marcelle Tiard †.

La 1. junio mortis fervora malnova esp.-istino s-ino Tiard, konata al la partoprenintoj de niaj Univ. Kongresoj. S-ino Tiard estis Dumviva Membro de Int. E-Muzeo. Ŝi ankaŭ propagagandis en teozofiaj medioj. Ni memoros ŝin ĉiam!

## Ernst Klemm †.

Supera instruisto Ernst Klemm en Chemnitz, longjara, agema kunlaboranto de E-Asocio de Germanaj Instruistoj mortis la 14. junio. Elkoran kondolencon al la parencoj kaj la Asocio. IEMW.

### Gravaĵoj.

**Radio-disaŭdigo en 24 lingvoj.**

La Radio-stacio de la Vatikana urbo faris je Pentekosto sian kutiman disaŭdigon de la meso por la malsanuloj. Oni legis la epistolon, prenitan el la Agoj de la Apostoloj, en 24 lingvoj, por festi la mirindaĵojn de l' ekscipovo de la lingvoj, havigita de la Sankta Spirito al la Apostoloj por la predikado de l'Evangelio en la mondo. Do en 24 lingvoj! Ĉu ne iomete tro multe, ĉar ni do posedas Esperanton?

**„Mirag", Leipzig-Dresden** disaŭdigos je unu de la sekvontaj sabatoj (19.50 h) en la vico de la „Nuntempa Leksikono" klarigojn pri la „E-valuto". Aŭskultu kaj skribu al la stacio, Leipzig C 1, Markt 8. Ni gratulas!

**Radiojournal Brno** dissendas de nun regule E-paroladojn ĉiumarde precize je la 18—18.15 h kun la celo, plilarĝigi la sciojn pri Ĉeĥoslovaka Respubliko el historia, geografia, ekonomia kaj kultura vidpunktoj. Ni gratulas!

**Radio Tartu kaj Tallinn** disaŭdigis okaze de 300-jara jubileo de Tartua Universitato paroladon de univ. prof. d-ro H. Richter, prez. de Akademia E-Klubo, la 29. junio. Radio-Tallinn, Estonio, kiu ankaŭ ebligis al reg. kons. Steiner paroladon, meritas nian dankon.

**„Sveda gimnastiko kun ludo kaj sporto.** Svedaj internaciaj someraj kursoj en Lund (Suda Svedio)", informas sur 8 paĝoj kun multaj bidoj pri la sveda gimnastiko kaj Sydsvenska Gymnastik-Institutet en la universitata urbo Lund, kie Svedoj kaj eksterlandanoj povas ricevi sciencan kaj praktikan kompetenton kiel gimnastikinstruistoj. Eld. 1932 por SGI de Esp. Turista Komisiono, Stockholm.

---

## Por helpi nian movadon:

Skribu sur simplan poŝtkarton en germana lingvo (kaj instigu ankaŭ viajn konatojn) al Generalsekretär der Bundesbahnen, Wien I. Schwarzenbergplatz kelkajn vortojn pri jena enhavo: „Fremduloj, veninte Aŭstrion, miris, ke ili ne renkontis en la rapidtrajnoj konduktorojn, kiuj parolis E-on, kvankam ili legis en siaj landaj gazetoj pri la permeso de portado de l' E-insigno dum deĵoro ĉe la aŭstriaj fervojoj. Pro tio mi havas la plezuron doni la instigon, ke oni faru E-kursojn kun la fervojistoj." **(Ne citu,** ke vi skribas, ĉar vi legis pri tio en nia gazeto!).

## La Cseh-metodaj kursoj en Vieno

finiĝis kun granda sukceso por la Cseh-metodo, la geinstruistoj, gesanoj Tiberio Morariu kaj Lizzie Anderson-Morariu, la kursanoj kaj la aranĝinta Laborkomitato. Estis eble, disdoni preskaŭ 500 atestojn pri regula partopreno de la kursoj. Dum la finsoleno, kiun ĉeestis multaj aŭtoritatuloj, la kursanoj havis la okazon, doni belajn provojn de siaj scioj. Pli detala raporto sekvos.

## Lingvaj demandoj

Red: D-ro W. Biehler
Graz, Alberstraße 13

Mi transprenis la redaktadon de ĉi tiu rubriko nur je peto de la eldonanto kaj neniel volas pretendi, ke mi estas la plej bona esperantisto eĉ nur de Graz. Mi kontraŭe petas ĉiujn aŭstriajn s-anojn, kiuj scipovas la lingvon, ke ili kunlaboru per sia kritiko kaj mi volas instigi lingve nespertulojn, ke ili demandu por ricevi klarigojn.

Por hodiaŭ jenaj rimarkoj sufiĉus:

1. La sufikso „ad", kiu signifas daŭron aŭ ofte ripeton de iu ago, estas precipe uzata por diferencigi substantivojn deverbajn laŭ ilia signifo; ekz. parolo (Wort), parolado (Rede). Ĉe verboj tiu sufikso kutime estas superflua, des pli, se la ripeto jam estas indikata (Li ĉiam parolas, ne „paroladas"). Por esprimi kontraston, kelkfoje oni bezonas ĝin eĉ, se iu ago laŭ la leĝoj de ekzakta logiko ne povas daŭri aŭ esti ripetata. Laŭ mia opinio oni plenrajte povus traduki „Mi mortadas, mortadas, sed ne povas finmorti" („Ich sterbe, sterbe und kann nicht ersterben". Weislingen en ‚Götz' de Goethe). La ekziston de aliaj eblecoj por esperantigi ĉi frazon, mi tute ne neas, eble iu proponus taŭgan.

2. Ĉiu lernas per siaj propraj eraroj. Mi mem ankaŭ spertas tion. Kelkfoje leginte iun recenzon mian en la gazeto, mi trovas esprimon en ĝi, kiu ŝajnas al mi ne ĝuste elektita. Mi priparolu du el ili.

a) En la recenzo pri la broŝuro de Ritter (junia numero) mi parolis pri la „artaĵoj" de Volapük. Tio ja estus „Kunstwerke". En vortaro de Christaller (Chr) mi krom „artifika" por „künstlich" trovis „artaja" eĉ kiel Zamenhofan esprimon, sed mi senhezite preferus „artefarita", „artifika" (kp. artefarita lingvo);

b) Tradukante Goethe-poemon „La revido" mi skribis „Ni kisojn ŝanĝadis" (-ad nur pro la metro malgraŭ rimarko 1-a). Sed kisojn oni eble ne povas ŝanĝi (aliigi) nur „interŝanĝi" (france: changer de . . .).
Kiu scipovas korekti la tekston (marta n-ro de AE) sen ŝanĝo de la versformo?

## Aŭstria Esperanto-Asocio

Linz, Weissenwolfstr. 31

### Ĝeneralkunsido de AEA.

15. majo 1932.

En plena harmonio dum Pentekosto ĝi okazis en Linz; la kunsidoj en gastejo Stadtgut, klubejo de Supra-Aŭstria E-Societo. — La delegitoj vizitis antaŭtagm. la famajn elrigardmontojn Bauernberg kaj Freinberg kaj la urbajn vidindaĵojn; ptgm. okazis la ĝeneralkunsido, poste komuna veturado al Pöstlingberg, kie dum gaja sidado, promenado kaj vizito de „Thurmbahn" la kunvenintoj ĝuis la belecon de l' tago. Vespere en gastejo Stadtgut adiaŭa kunveno kun la referatoj de reg. kons. Steiner (interesaj detaloj pri lia vojaĝo tra la Nordaj Landoj), Plehn (Wüster-vortaro kaj teknika lingvo-normigo), d-ro Pfeffer (propagando nia, kiu estas tro modesta; ni agu simile kiel „hokkrucanoj" per ĉiuj rimedoj kaj fortoj, per afiŝoj kaj paperslipoj kun propaganda teksto, algluendaj ĉie ajn.) kaj Hovorka (literaturo, fine deklamante proprajn poemojn). Vigla aplaŭdo dankis al ĉiuj.

Post fino de la kunveno en agrabla interbabilado la tempo en kafejo forflugis ĝis la 2 h ĉe koncerto kaj danco.

La sekvintan tagon la restintoj faris ekskurson.

**Protokolo.**

La prez. malfermas je 13.45 h, salutas la alvenintojn, speciale s-anojn Steiner, Plehn kaj Sonnenfeld-Brünn. En debatoj oni ne forgesu, ke ni estas inter samideanoj!

**Tagordo: 1. Legado de pasintjara protokolo, 2., 3. revizoroj de libroj kaj kasastato:** Bartel-Graz kaj Ĉech-Wien ekzamenis ĉion kaj trovis en ordo; **4. Agadraporto de l' prez.** (v. spec. raporton); **5. kasraporto de s-ino Ella Eberhardt** (resto el la antaŭa agadjaro estis S 99.98; enspezoj entute S 402.77, elspezoj 346.57, do kasostato S 56.20); **6. laborprogramo:** Proponoj Danubio: **a) (Skriba E-kurso).** Prez. raportas, ke tia kurso jam estas ellaborata kaj 10 lecionoj estas pretaj; **b) (Teritorioj)** rap. Hovorka, Bartel samopinias. Prez. opinias, ke ankaŭ nunjare ne ankoraŭ estas ĝusta tempo por definitive decidi, rekomendas nedecidon sed principan konsenton. Konsento. **c) (gazeta servo).** Prez.: Jam funkcias; pro ŝparo interligo kun Germanujo. Bedaŭrinde ne en ĉiuj lokoj ekzistas kunlaborantoj. Sendado de artikoloj al Viena gazetaro sensukcesa. Persona intertraktado kun la koncernaj redaktoroj pli fruktedona; **d) (regule aperanta informilo).** Proponate eldoni ĝin ĉiudumonate. La prez. atentigas pri AE kaj necesa reciproka subteno kaj kunlaboro kaj

proponas malgrandan komitaton pro konfidenca prikonsiliĝo. Elektataj: Bartel, Ĉech, Hovorka, Wannek. Steiner demandas, ĉu ekzistas specialaj proponoj pri AE; ne. Ĉiuj por kreo de la komitato. **e) (formigo de novaj rondoj).** Ili kunigu novesperantistojn kaj aliĝu al AEA. Tiaj „ĉeloj" estas gravaj. Akceptite. **f) (propagandkapitalo)** Hovorka malkonsentas la proponon en nuna formo; opinias, ke nun ne estas bone, denove peti monon de l' esp-istoj; konsiderinde, se temas pri specialaj aranĝoj ekz. Ĉe-kursoj, Scherer-paroladoj. Ĉech konsentas la aliigitan formon nome de Danubio. **g) Prop. „Oficĥavantoj"** (Hov.) (interŝanĝo de alilandaj oratoroj). Akcept. Bartel atentigas, ke ĉio estu farata en interkonsento kun ICK; oni estu atentema en sia elekto. Siatempa sperto kun hungara „karavano" veninte per aŭtomobiloj al Graz estis fiasko. **h) (adresaro).** Ĉech transdonis al la prez. la adresaron. La prez. dankas, atentigas pri la malfacilaĵoj. Multaj grupoj eĉ ne respondis. Al ĉiuj grupoj nun estos sendata cirkulero por kompletigo. Haselbauer (Braunau) proponas partigon en distriktoj. D-ro Pfeffer: Ankaŭ kursanoj kaj simpatiantoj estu registrataj. Uzo de kartotekokartoj praktika. Hovorka klarigas la Wien-an metodon. Bartel estas kontraŭ publikigo. Ĉech: Se tio okazus. konsentpeto estos transsendata. **7. Peto de grupo Klagenfurt** pri rezigno de pago por 1932. Decido: Tuta rezigno neebla; la grupo pagu la duonon dum la unua jaro. **8. Elekto de loko por venontjara kunsido.** Bartel bedaŭras, ke Graz ne povas inviti. Hovorka: Eble Wien, aŭ se ne eble ree Linz aŭ Salzburg. Definitiva decido prokrastita pro eblaj neantaŭvidataj okazoj. **9. Raportoj de la grupoj. Wien:** Okazas Ĉe-kursoj kiel jam konate el gazetoj. Anstataŭ 200 venis 450 lernantoj: esperas fortan plivigligigon de la movado. Kelkaj gazetoj por E: Tag, Stunde. **Graz:** 2 kursoj en ĉeflernejo; mankas ekzamenitaj instruistoj. Kursoj en blindulinstituto. Pro la malbonaj tempoj okazas la 25-jara jubilea festo de la societo nur en malgranda kadro. Grupo Leoben bedaŭrinde disfalis pro translokiĝo de la membroj (rap. Bartel). **Salzburg** (prez. Stögmüller) **okazas** 3 kursoj, inter ili 2 Ĉe-kursoj, gvid. de prof. d-ro Christanell. 20—25 novaj anoj. Propagando de homo al homo plej sukcesa. Esperas 1932 ankoraŭ atingi 100 membrojn. **Linz:** (Mraz.) Kursoj en metiaj lernejoj, alia kurso pleje vizitata de soldatoj. **Braunau a. I.:** (Haselbauer.) La nova komerclernejo enkondukus E-on, se ekzistus ŝtate ekzamenita instruisto. **Ĝeneralaj raportoj:** Hovorka diras, ke senlaboruloj havas intereson pri E. Propagando estas malpli malfacila ol teni la homojn. Oni devas doni al la novuloj la eblecon labori. **10. Honorigoj:** Prez. diras, ke ekzistas inter ni multaj, kiuj jam ege laboris kaj oferis por nia movado. Li proponas elekti s-anojn Bartel (Graz), Schade kaj Zimmermann (Wien) honormembroj de AEA. Unuanime akceptate. Bartel kortuŝe dankas. **11. Steiner** raportas, ke ministerio por Komerco kaj Trafiko ankaŭ nunjare eldonis belegan prospekton pri Aŭstrio. Pro financaj kaŭzoj ili komence volis rezigni pri E, sed fine ili forstrekis alian lingvon. Schade kaj Steiner entreprenos la verkadon de Historio de la Aŭstria E-movado. St. daŭrigas, ke en aŭtuno aranĝo de lumbildparoladoj estas intencata. Intertrakto kun Urania. La prez. raportas, ke ni petis LKK en Paris aldoni niajn prospektojn al la dokumentoj; respondo ne alvenis. **12. Diversaĵoj.** Diversaj raportetoj. Prez. atentigas, ke ni provis labori kun ALLE en Wien, sed sen sukceso.

Fino post 16 h. Protokolis: Ulbrich.

**Agadraporto de prez. dir. Wannek.**

Laŭ lastjara decido kaj rekomendo ni daŭrigis niajn klopodojn unuigi la grupojn kaj varbi la izolajn membrojn por krei ampleksan fundamenton por nia laboro, ĉar la ebleco de efika laboro dependas de la subteno flanke de la aliĝintoj. Estis necesa dissendo de amaso da cirkuleroj, leteroj ktp. Sperto: La varbado estas tre malfacila kaj multekosta. Nur iom post iom aliĝis la grupoj; nuntempe apartenas al Asocio la jenaj societoj: Unua Viena E-Unuiĝo, Danubio, Oficĥavantoj, Fideleco, Virina Rondo, Viena Kat. Unuiĝo E, Braunau, Graz, Innsbruck, Salzburg, Leoben, Linz, Hallein, Krems, Steyr, Sigmundsherberg kaj dudeko da izolaj membroj. Grupoj Hainfeld kaj St. Pölten dormas. Ne aliĝis kaj ne respondis: Akademia Klubô, Bohema Klubo en Vieno kaj E-rondo en Klosterneuburg. Nova grupo fondiĝis kaj aliĝis en Klagenfurt. Kurso funkcias en Lend. espereble la fondota grupo ankaŭ aliĝos. La varbado de izolaj membroj montris, ke 30 dissenditaj cirkuleroj kaŭzis unu aliĝon, do la varbado de nova membro kostas lian jarkotizon. Ni esperas, ke tio pliboniĝos. Rilate **propagandon** ni devas citi unuavice la aranĝon de vojaĝo Scherer. Bedaŭrinde Scherer venis Aŭstrion tro lacigite kaj ne vojaĝis laŭ antaŭvidita plano; tial kelkloke oni ne povis sufiĉe eluzi la propagandeblecojn. Plej granda estis la sukceso en Wien. Al ni la organizado kaj la kromlaboroj pro la ŝanĝado kaŭzis sufiĉan laboron. Por helpi al la grupoj ni eldonis kvanton da flugfolioj, kiuj multloke jam estas uzataj. Krome ni eldonis leterkovertojn kun propaganda teksto, kiuj ne estas pli multekostaj ol ordinaraj kaj trovis bonan akcepton. 2000 estas venditaj kaj ni rekomendas ilian uzon en korespondado kun neesperantistoj. — **Gazetservo:** Specialan atenton ni direktis al gazetara propagando. Dank' al kunlaboro de kelkaj agemaj s-anoj: Rauscher-Steyr, Jungschaffer-, Buchleitner-Ried, Stanke-Krems ni havas en tieaj gazet-

oj ĉiusemajne aperantan E-angulon. Dankon al prof. Kirchner-Lienz, Gindl-Leoben pro aktiva kunhelpo. Ni esperas, ke troviĝas samagemaj s-anoj ankaŭ en aliaj urboj. Wien nur povas esti provizata per si mem kiel montris la spertoj. Dum 1931 aperis laŭ nia statistiko 205 sciigoj en 43 gazetoj, 1932 ĝis nun pksm. 100 en 23 gazetoj. Kompreneble la nombro estas pli granda, sed ni nur povis registri ricevitajn gazeteltranĉojn. Amaso da laboro rezultis la efektivigo de diversaj projektoj. I. a. ni atentigis la konatan eltrovinton inĝ. Gugascevics, kiu dum la milito faris gravajn eltrovaĵojn kaj nun faras paroladojn en diversaj landoj pri la valoro de l' uzo de E. Li respondis, ke li lernos E kaj ni esperas, ke li post kelka tempo faros siajn interesajn paroladojn per E, samkiel Scherer kaj Steiner. Laŭ iniciato de s-ano kalk. kons. Frey ni interrilatiĝis kun Urania pro uzo de E por internaciaj vojaĝoj. Detaloj sekvos. Al **Instituto por Pedagogio de la Popoloj** en Mainz ni sendis ekspozician materialon por reprezenti ankaŭ Aŭstrion en la E-ĉambro. De Bundesbahn-Dion. kaj Donau-Dampfschiffahrtsgesellschaft ni sukcese elpetis rabatojn por partoprenontoj al la Paris-a Kongreso. Plue ni mencias la diversajn cirkulerojn pri Ravag ktp. Por la skolta movado ni interesiĝas jam de kelka tempo, kvankam ĉi tiu movado en Aŭstrio estas malpli vigla ol ekz. en Hungarujo kaj Anglujo. Fine ni trovis en instr. Stickler-Grafendorf kunlaboranton. Al ĉiuj propagandistoj ni rekomendas klopodi plej baldaŭ pri kursoj en tiaj rondoj kaj atentigas pri la alvokoj en Heroldo de E. — Por la propagando aperis kun nia aprobo bonega libreto „Wie denken Sie über E?" de fakinstr. Jungschaffer-Ried. Ni danku lin pro la laboro kaj la risko de eldonado kaj rekomendas la varbilon al ĉiu. — Ni klopodis kuraĝigi, instigi kaj konsili precipe la s-anojn, kiu preparas la bazon en izolaj lokoj. Por ebligi E-lernadon en tiuj lokoj, kie kursoj ne povos okazi, ni eldonos perleteran kurson, por kiu ni trovis tre lertan, ageman s-anon instr. Primetzhofer-Neustift O.-Oe. La unuaj lecionoj jam estas pretaj. Por kreo de Centra Adresaro, destinota nur por nia uzo, ni turnis nin al s-ano Ĉech, organiza referanto de AEA. — La amplekso de nia korespondado estas pksm. 280 let. kaj 50 poŝtkartoj; krome 300 cirkuleroj al nia membraro. — Internacie ni interrilatiĝis kun diversaj naciaj societoj; en konstanta kontakto ni estas kun ICK. Ankaŭ Laborkomitato havis internaciajn rilatojn kelkflankajn kaj informis nin pri tiuj per leterkopioj kaj raportoj. Dankon al la multokupita sekret. Hovorka. — Tre grava por nia movado estas la verkado de ĝia historio, por ke la antaŭmilita pionira laboro ne estu forgesata. Ni petis s-anon Schade verki ĉi tiun Historion kaj ni nun petas la provincajn grupojn kolekti la materialon por siaj lokoj kaj regionoj, por ke la verko estu kompleta. — Plej bone sin enkondukis la sekcio de AEA, Laborkomitato de Vienaj E-Societoj, per arango de Scherer-paroladoj, organizo de kursoj, gviditaj de d-ro Pfeffer, kaj la aranĝo de Cseh-kursoj. Por la t. n. Sóskapitalo ankaŭ s-anoj el la provinco subskribis kaj pagis, atestante sian solidarecon. — Ankaŭ nin interesis, trovi la kialon de nesufiĉa kresko de niaj grupoj. Niaj konstatoj: 1. manko de taŭgaj, kapablaj instruistoj; 2. malemo de kurspartoprenantoj aboni gazeton kaj aliĝi al grupo. Por parte forigi ĉi tiujn mankojn ni jam pasintjare klopodis pri Cseh-kursoj, kiujn nunjare Laborkomitato efektivigis, kaj rekomendas kiel plej bonan rimedon la inviton de la kursanoj en la grupojn kiel eble plej frue. Salzburg kaj Linz faris tiel la plej bonajn spertojn. Favore influas la lernemon, esperantistiĝon, la aranĝo de interesaj grupkunvenoj. La kursanoj, kiuj persone konas la grupanojn, multe pli volonte aliĝas, ĉar ili ne plu sin sentas fremdaj. Ni rekomendas saman praktikon en Wien. Klubestroj, kiuj sukcese aranĝas tiajn vesperojn, meritas krom la propagandistoj, bonaj kursgvidantoj nian plenan laŭdon. De ili dependas la bona aŭ malbona prospero de la movado. Dankon al ili. Al la grupoj Krems ni devas esprimi specialan laŭdon por plej bona plenumo de niaj deziroj, al Danubio, Unuiĝo kaj Graz por bona raportado. Certe ankaŭ aliaj grupoj estus laborintaj kun ni pli intime, se la gvidantoj havus la necesan liberan tempon. Bedaŭrinde ankaŭ ni estas profesie okupataj, alie ni scius ankoraŭ multon farindan, sed la tempo, la nombro de kunlaborantoj kaj la rimedoj estas limigataj. La ĝenerala situacio: Pri la movado en Aŭstrio ni povas diri, ke ekburĝonas novaj esperoj, troviĝas novaj kunlaborantoj kaj ni havas la firman konvinkon, ke la movado ekfloros. Bedaŭrinde la ekonomia krizo lastatempe kaŭzis membroperdon en Vienaj societoj; la provincaj povis pli-malpli konservi la membrostaton. Ni dankas plej kore al ĉiuj grupoj, kiuj klopodis pagi kiel eble grandan membrokotizon kaj per tio ebligis al ni seninterrompan, daŭran laboron. Landa organizo bezonas monon, alie ĝi ne estas kapabla nek entrepreni ion pli grandan, nek povas pagi modestan kotizon al nia internacia organizo KR, situacio tute ne inda al nia Aŭstria E-movado. Denove ni petas ĉiujn gvidantojn, plenumi niajn instigojn, sugestojn donitajn de tempo al tempo. Se ni rekomendas ekz. propagandon en skoltaj rondoj, ni scias, kial ni rekomendas tion; en aliaj landoj oni propagandas tie kaj, se oni deziras, ke la laboro estu sukcesa, necesas agi ĉie samtempe en la koncernaj rondoj. Se ĉiuj landoj agus tiamaniere, la propaganda sukceso ĝenerale estus pli bona. Ni do laboru disciplinе, sekvu la rekomendojn, donitajn post pripenso kaj detala esploro

kaj ofte laŭ rekomendo de ICK. Ni petas, nepre atenti niajn alvokojn. Nia laboro kaj tiu de niaj kunagantoj devigas al eksterordinara obstineco, pacienco kaj espero.

Ĉiam antaŭ ni estu la vortoj de d-ro Zamenhof:

L'espero, l'obstino kaj la pacienco,
Jen estas la signoj, per kies potenco,
Ni paŝo post paŝo, post longa laboro
Atingos la celon en gloro.

AEA: K. Wanneck, prez.; K. Ulbrich, afergvid.

**Linz:** En „Der Pfadfinder" aperis artikolo pri E de s-ano J. Stickler.

En la kadro de metia perf ktiga lernejo okazis jubilea festo kun ekspozicio. De 2 jaroj funkcias E-kurso; tial la E-klaso ekspozis siajn laborojn. De s-ano Mraz lerte aranĝita E-stando altiris la atenton de mulaj vizitatoj, inter ili la landestro kaj aliaj eminentuloj.

Al AEA denove aliĝis kelkaj izoluloj.

La 1. julio la kursanoj de s-ano Mraz aranĝis finfeston. Sinjoroj Krenmaier kaj Poeschke dankis lin pro la multaj penadoj. La kursanoj transdonis al s-ano Mraz kiel honorigon „Zamenhof, Originala Verkaro" kaj kukon kun verda stelo. Mraz kortuŝite dankis kaj promesis pluan helpon al la lernintoj. La humorplenan festeton ĉeestis ankaŭ kelkaj s-anoj kaj je la fino prez. de la Klubo dir. Wanneck dankis al s-ano Mraz pro lia laboro, gratulis pro la sukceso kaj invitis la lernintojn viziti la klubon kaj aliĝi,por komune labori por la progreso de E.

**Salzburg:** La kurso por komencantoj, aranĝita de SEG kaj gvidita de prof. d-ro Christaneil laŭ Cseh-metodo, finis komence de majo kaj la grupo per tio denove akiris membrojn kaj gastojn. La 29. majo 6 gegrupanoj faris antaŭ la ĉi tiea komisio de Germana E-Instituto ekzamenon pri kapablеco kun bona, parte tre bona sukceso. — Entute la grupa vivo estas tre kontentiga, la kunvenoj „En Nigra ĉevaleto" bone vizitataj. Tre bela estis printempekskurso al Anif; pro pluvo neebligitan ĝardenvesperon anstataŭis gajega amuzvespero en Kreubrückl (Maxglan).

**Kat. Unuiĝo E en Wien.** La kunvenoj ne okazos dum julio kaj aŭgusto. Informojn donas prez. L. Chiba, Wien IV. Schaumburgerg. 5/25.

**Sacerdotiĝo** de diakono Anton Walka, filo de nia s-ano d-ro Walka, okazos la 24. VII. kaj samtage je la 3h en la paroĥejo Alt-Ottakring, XVI. Otakringerstr. 215 por la katolikaj esp-istoj Sankta Beno. La s-anoj estas kore invitataj.

## ESPERANTO-SOCIETO POR STIRIO
Graz, VI., Schönaugasse 6.

**Bericht über die Ausschußsitzungen** v. 13. Mai und 24. Juni 1932 — Neuaufgenommen wurde Herr Lehrer Ernst Kautschitsch aus Heiligenkreuz am Waasee. Von der Geschäftsstelle des DEB erhielten wir die sehr reichhaltigen Kongreßdokumente der Chemnitzer Tagung. In Linz waren wir durch H. Bartel vertreten, der am 20. Mai darüber berichtete (s. Hauptteil d. Blattes). Ein Ansuchen des Deutschen Esperanto-Institutes um Geldunterstützung sowie die Bitte Dir. Hornecks um einen Reisezuschuß zu unserer Vertretung beim Weltkongreß konnten wegen geringen Kassenstandes nicht bewilligt werden. Eine briefliche Anfrage unseres inzwischen verstorbenen blinden Mitgliedes Kirchweger wurde erst nach 2 Monaten von Wien an uns weitergeleitet, was begreifliche Entrüstung erregte. Endlich besprach man noch den Ausflug nachVoitsberg am 3. Juli.

**Todesfall.** In St. Margarethen bei Lebring starb am 6. Juni unser Vereinsmitglied, Oberverwalter Josef Mally, Del. der UEA, ein persönlicher Freund unseres Präsidenten. Der Verstorbene warb als begeisterter Anhänger für unsere Sache und hielt auch Kurse ab. An der Beerdigung nahmen einige Vereinsmitglieder teil. Herr Mally hinterläßt außer seiner Witwe noch 2 Töchter.

**Esperantoprüfung.** Der E-Kurs des H. Dir. Schulrat Fr. Schöpfer in Voitsberg wurde mit einer öffentlichen Prüfung abgeschlossen, der sich 8 Teilnehmerinnen unterzogen. Anwesend waren die Direktoren beider Hauptschulen und aus Graz unsere Mitgl. Frau Marko und die H. Pernegg, Rogler u. Turk. Die erzielten Erfolge bewiesen überzeugend die Richtigkeit der Behauptung, daß man schon nach einjährigem E-Unterricht genügend Kenntnisse besitzt, um sie für den Gesamtunterricht nutzbringend verwenden zu können Besonders ansprechend wirkten die Gedicht- und Liedervorträge. Am Schlusse dankte der Kursleiter allen Erschienenen für ihre Unterstützung. H. Rogler überreichte den Prüflingen in unserem Namen E-Abzeichen und sprach den 3 Besten, Bras, Riedl und Kroschik seine besondere Anerkennung aus. Vom Kursleiter wurden die Schülerinnen mit E-Büchern bedacht. Die Prüfung schloß mit der Absingung unserer Hymne. Nachm. unternahmen Zuhörer und Prüflinge einen Ausflug zur Ruine Kreuz, wo H. Turk die Anwesenden photographierte. Es sprachen noch Fr. Marko und H. Rogler sowie die Kursteiln. Riedl, die in schlichten Worten für den kostenlosen Unterricht und die Geschenke dankte. Das Deutschlandlied und die E-Hymne endeten die einfache Feier.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstr. 154. — Presejo: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.